

Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Septembro/Oktobro (4) 2009

# Beatles kaj Baroko: St. Pauli

Preĝejo de S-ta Jozefo

Foto: Klehr

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str .95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

dum la *Germana Esperanto-Kongreso* kaj Kongreso de *Eŭropa Esperanto-Unio* okazis kunveno de la estraro de Eŭropa Esperanto-Unio kaj estraranoj kaj membroj de Hamburga Esperanto-Societo.
EEU prezentis projekton pri Eŭropa konferenco de politikistoj, historiistoj, ekonomikistoj kaj ĵurnalistoj kun la temo: „Kia estus Eŭropo nun, se EU neniam estus fondita?" kiu okazu en Hamburgo ĉirkaŭ la 9-a de Majo (Eŭropo-Tago) 2011.
EEU proponis, ke HES finance engaĝiĝu en tiu projekto, por povi plani kaj prepari ĝin kaj prezenti al instancoj de Eŭropa Unio por akiri subtenon per financado kiel oficiala EU-projekto.
Laŭ mia opinio estas unika ŝanco, kiun ni havas nun: Okazas malofte en Esperantujo, ke oni samtempe trovas kaj homojn, kiuj havas la kapablon kaj necesan sperton (nome EEU), kaj homojn (nome HES), kiuj havas la necesan monon.
Dum kunveno de estraro kaj membroj de HES, la 10an de Majo 1009, estis decidite ke HES akceptas la proponon de EEU.
En Septembro la afero startos.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

La vivo estas kiel ludi violonon publike kaj lerni la instrumenton dum la ludado.

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2009: 15-10-09**

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2010: 15-01-10**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2010: 15-03-10**

**Beatles:** La fama muzikista grupo *The Beatles* startis sian mondan karieron en Hamburg-**St. Pauli**. *Bert Kaempfert*, konata komponisto (*Spanish Eyes, Strangers in the Night)* malkovris grupon de junaj anglaj muzikistoj en muzik-klubo kaj faris kun ili kontrakton. *The Beatles* estis engaĝitaj en diversaj Hamburgaj kluboj.
Komence ili estis kvin: John Lennon, Paul Mc Cartney, George Harrison, Pete Best, kaj Stuart Sutcliff. Kiam en 1960 ili ludis en la strato *Große Freiheit* en la *Kaiserkeller*, ili konatiĝis kun alia angla muzikisto: *Ringo Starr*, kiu en 1962 anstataŭis *Pete Best*. Pro la fakto, ke ili ne ĉiuj estis plenkreskuloj, ili devis reiri al Britio; *Stuart Sutcliff* post la reiro de *The Beatles* restis en Hamburg kaj mortis en 1962. En Britio la aliaj kvar junuloj povis daŭrigi sian muzikan karieron kaj fariĝis mondfamaj. Alia muzikisto, kiu foje ludis kune kun *The Beatles, Tony Sheridan,* ĝis hodiaŭ vivas en Hamburg.

**Baroko:** La preĝejo de *S-ta Jozefo* estis konstruita 1720-24 laŭ planoj de viena arĥitekto *Melchior Tatz*. Ĝi estas la plej malnova katolika preĝejo en nuna Hamburg. Kiam ĝi estis konstruita, la strato apartenis al la urbo *Altona*, kies reganto, la *Duko de Holstinio*, samtempe *Reĝo de Danio,* permesis tion, dum en Luterana Hamburg oni malpermesis katolikajn preĝejojn.
La nomoj de du larĝa kaj mallarĝa stratoj *Große Freiheit* kaj *Kleine Freiheit* memorigas pri la *Libereco*, kiun donis tie la urbo Altona pri profesio kaj religio.


**Dorsflanka aspekto de la gastejo *Gretel & Alfons*, kie *The Beatles* ŝatis trinki bieron.** Foto: Klehr


**Vid-al-vide de la Preĝejo: *Kaiserkeller*** Foto: Klehr

# Lueblaj bicikloj

Ek de la 10a de Julio 2009 en Hamburg funkcias sistemo de lueblaj bicikloj *StadtRad*.

La ŝtata *oficejo por urba evoluo kaj medio* lanĉis kune kun *Germana Fervojo* tiun sistemon kun 67 stacioj en la urbo. La celo estas doni mediprotektan eblecon de trafiko en la urbo.

La uzado estas simpla kaj malmultekosta. Unue oni devas aliĝi pere de banka karto aŭ kreditkarto al la sistemo en interreto aŭ ĉe aŭtomato apud la bicikla stacio surstrate. La aliĝo kostas 5,00 €, kiuj estas registritaj kiel bonhavo forkonsumebla.

Poste sufiĉas enigi la karton en la aŭtomaton por lupreni biciklon. La unua duonhoro estas senkosta, poste ĉiu minuto kostas 4 cendojn por plia duonhoro kaj poste 8 cendojn. Do unu horo kostas 1,20 €, du horoj kostas 6,00 €. La maksimuma luprezo estas 12,00 €.

La kostoj estas monate kalkulataj kaj prenotaj de la koncerna konto. La luado-stacioj troviĝas en la urbocentro kaj etendiĝas ĝis la centraj kvartaloj de Altona, Eimsbüttel, Eppenforf, Winterhude, Uhlenhorst, Hohenfelde, Borgfelde kaj Hammerbrook.

La Hamburganoj bone akceptis tiun novan sistemon. Kiam brilas la suno, la bicikloj apud multaj metroaj stacioj kaj gravaj stratoj estas multe uzataj.



**Restintaj du bicikloj ĉe *Uhlandstraße* – samtempe ĉe la proksima U-stacio *Mundsburg* eĉ ne estis unu.**

Foto: Klehr

# Nia eks-klubejo en Klaus-Groth-Straße

La 27an de Februaro 2009 okazis la inaŭgura festo de la nova posedanto *Karsten Schölermann*.


**La salono en la supra etaĝo**


**La granda salono en la suba etaĝo**

*Kerstin Baasch, Ralph Glomp, Peggy Ley, Jürgen Wulff* kaj *Benno Klehr* (komisiito por la biblioteko) ĉeestis. Dum tiu vespero ni povis rigardi la novan aspekton de la iama Espeanto-domo. La grandaj salonoj nun estas plenaj je skribotabloj. La iama garaĝo, kiun ni uzis kiel biblioteko, ricevis fenestron al la strato. La pordo al la teraso nun havas du alojn kun vitraĵoj. La suba salono ankaŭ ŝanĝiĝis: Kvar laborlokoj kun komputiloj kaj telefonoj troviĝas tie. Krome pluraj printiloj kaj kopiiloj. La kuirejo nur malmulte ŝanĝiĝis kaj la malnova trinktablo kaj nia prezlisto ankoraŭ troviĝas en la samaj lokoj. Nur la loko de niaj fridujoj por trinkaĵoj nun estas okupita de grandega kopiilo.
Hamburga Esperanto-Societo ne tute forlasis la domon: Nia poŝta adreso restos Klaus-Groth-Straße 95.
Nia biblioteko nun troviĝas en malgranda ĉambro en la suba etaĝo. Ni planas starigi bretarojn por povi atingi ĉiun libron sen longa serĉado.

*Benno Klehr*


**La iama garaĝo aŭ biblioteko**


**Rigardo al la nova terasa pordo**

# Somera festo en oazo en parko


**Kiam brilas suno, la teraso invitas al kunsidado**

Nia Somera Festo en la gastejo *Oase* bedaŭrinde ne povis okazi sur la teraso, ĉar blovis malvarma vento. Do ni sidis supre apud la fenestroj kaj manĝis diversajn rostitajn specialaĵojn de kokidaĵo kaj porkaĵo kune kun aldonaj manĝaĵoj kaj salato. La etoso estis bona por la 13 ĉeestantoj, kiuj vigle babilis kaj estis kontentaj pri la elektita loko. Post la abunda vespermanĝo la ĉielo nigriĝis kaj anonciĝis fulmotondro kaj ni decidis iri hejmen antaŭ ol komencis pluvi – do ne okazis la fama *noktmeza rondo*.

*Benno Klehr*

## Festivalo de la Kulturoj 11a ĝis 13a de Septembro

horoj de la stando:
vendredon de la 16a ĝis la 24a horo
sabaton de la 11a ĝis la 24a horo
dimanĉon de la 11a ĝis la 20a horo.

(Vidu ankaŭ la retpaĝon
de la organizantoj: www.kdkhh.de.)

Bonvolu anonci vian partoprenon
kiel varbisto por Esperanto
ĉe Ralph Glomp.
glomp@esperanto-hamburg.de aŭ
Tel. 040 - 68 91 63 36



## Hamburg-enigmo

Kie troviĝas tiu enirejo al la konstruaĵo kun la nomo *Bürgermeisterhaus*?
Certe ne apud la laborejo aŭ la loĝejo de la urbestro, kvankam oni povus tion imagi...

## Filmo pri Bjalistoko

de *Roman Dobrzyński*

24an de Septembro en nia programo

# Antisemitaj atakoj kontraŭ Esperanto-Kongreso en Pollando

## 150a datreveno de Zamenhof festita en Białystok

Pollando (APA) 31a de Julio 2009 - En la orientpola Białystok dum la 94a UK, okazis pluraj atakoj kun evidente antisemita fono. Merkredon vespere nekonataj krimuloj ĵetis bruligaĵon al la konstruaĵo de la kongresejo.

Jam antaŭ la kongeso nekonatoj bruligis la grandan konferencan tendon, neniigante 30 m² da tolaĵo. Sur la kongresa tereno aperis gejunuloj kun nigraj T-ĉemizoj, montrantaj trastrekitajn stelojn de David.

Laŭ informoj de la organizintoj la vizitantoj tamen estis tre kontentaj pro la akcepto en Białystok. „Venis multaj homoj, kiuj estis surprizitaj pro nia gastamo, la rava etoso kaj la multaj okazaĵoj“, diris la ĉefo de LKK, *Aleksander Sosna,* al la *Gazeta Wyborcza.* Ankaŭ multaj civitanoj de Białystok dum tiuj tagoj salutis per „Bonan tagon“, laŭ *Sosna.*

La kongreso ĉi-jare okazis en la hejmurbo de la inventinto de Esperanto Ludoviko Zamenhof, ĉar Zamenhof la venontan 15an de Decembro estus fariĝonta 150jara. Proksimume 2000 adeptoj de la artefarita lingvo vojaĝis al Białystok al la septaga kongreso, kiu okazis en la konstruaĵoj de la loka teknika altlernejo. La kongreso plejparte konsistis el multnombraj enscenigoj en Esperanto, inter ili prezentaĵo de la *„Odo al la ĝojo“* sur la foirejo de Białystok.

Laŭ germanlingva informo de *Aŭstra Gazetara Agentejo*.

Eŭropa konferenco de politikistoj, historiistoj, ekonomikistoj kaj ĵurnalistoj

# Kia estus Eŭropo nun, se EU neniam estus fondita?

en Hamburgo ĉirkaŭ la 9-a de majo 2011

Laborlingvoj: Germana, angla kaj esperanto.
Organizantoj: Eŭropa Esperanto-Unio kaj Hamburga Esperanto-Societo

Hamburga Esperanto-Societo kunlaboras kun Eŭropa Esperanto-Unio kaj kunfinancas la preparadon de la supre menciita konferenco en 2011.

Celo de la konferenco estas
– montri al Eŭropaj civitanoj kiaj verŝajnaj negativaj konsekvencoj estus por Eŭropo, se EU neniam estus fondita kaj tiel konsciigi ilin pri graveco kaj valoro de Eŭropa Unio kaj
– montri ke E-organizoj povas havi tute alian rolon organizante tian konferencon kaj akiri gravan prestiĝon en Hamburgo, Germanio kaj ĉe EU.

La komencan startfinancadon de septembro 2009 ĝis majo 2010 transprenas la partneroj per 5000 € far HES kaj 5350 far EEU por la minimuma salajro de la oficisto de EEU kiu faros la kompletajn preparojn (ellaboros la financan peton por EU, kontaktos potencialajn partoprenontojn, kontaktos hamburgajn kaj germanajn potencialajn instancojn kiuj povus mone aŭ alimaniere helpi...). Entute 1150 euroj malnete monate. Tiun postenon transprenos denaska esperantistino *Maja Tišljar*, kiu jam kunlaboris en aliaj EU-projektoj.


**Maja Tišljar**

En februaro 2010 estos transdonota la tuta projekto por finacado al instanco de EU por aktiva civitaneco (EACEA, Citizenship) kaj la respondon - ĉu aprobita - ni havos en junio 2010. Se ili aprobas, la pluan pagadon de la salajro kaj aliaj kostoj de la konferenco transprenas EACEA. Intertempe la oficejestro serĉos ankaŭ aliajn eblajn fontojn (Adenauer Stiftung, Hamburgaj instancoj, germana eksterlanda ministerio...)

Se la projekto ne estus akceptita por financado de EU la partneroj devus baze de la stato en junio 2010 decidi kiel procedi plue: aŭ tamen organizi la konferencon baze de malpli da mono aŭ rezigni pri ĝi.

# Solvo de Hamburg-enigmo

La *Bürgermeister-Haus* troviĝas en Neuer Wall 75, apud monumento je memoro al urbestro *Petersen.* (vid-al-vide de la Goertz-Palais)







lucerno

## Hamburgaj Specialaĵoj

Jam en 1922 en Hamburg sur *Stephansplatz* oni starigis la unuajn semaforojn en Germanio. Tamen pli konata estas la trafikluma turo, kiun oni starigis sur *Potsdamer Platz* en Berlin en 1924.

*Benno Klehr*

# Semaforo

Multaj homoj laŭ angla ekzemplo diras *trafiklumo* anstataŭ *semaforo*. Sed en trafiko ekzistas multaj lumoj... La unua surstrata semaforo estis starigita en Londono en 1868. Ĝi similis al fervoja signalilo kaj estis ekipita per ruĝaj kaj verdaj gaslumoj. Ĝi funkciis kvar jarojn ĝis ĝi eksplodis. En 1912 en Usono estis starigita la unua elektra semaforo kun ruĝaj kaj verdaj lumoj, en 1917 la unuaj aŭtomataj semaforoj. La unuaj semaforoj kun la koloroj ruĝa - flava - verda estis pendigitaj centre de stratkruciĝoj en multaj urboj en 1926.
Pro tio en la germana lingvo semaforo estas nomata *Ampel*, ĉar tiuj pendantaj similas al lucernoj en preĝejoj. Ja ofte ŝajnas ke tia ruĝa lumo estas „eterna lumo“.
En oficiala germana lingvo semaforo estas nomata *Lichtzeichenanlage*. Tamen homoj diras *Ampel* ankaŭ al tiuj kiuj ne pendas. En Bavario mi vidis avertan ŝildon, ke ne funkcias semaforo, kiel sube maldekstre. En Hamburg oni kutime uzas tian kiel dekstre. Rapide legu ... !

| Lichtzeichen-anlage nicht in Betrieb! | Ampel aus! |
|---|---|

# Muzeo „Beatlemania“ ĉe la *Reeperbahn*

Hamburg. Preskaŭ duonan jarcenton post la unua prezentado de *Beatles* en Hamburg nun ekzistas *Beatlemania* en la kvartalo *St. Pauli*.
La projekto kostis 2,5 milionojn da eŭroj.
La vizitantoj travivu vojaĝon tra la mondo de la konataj muzikistoj. En distanco de nur 30 metroj de la *Beatles-Placo* oni trovas plian eblecon memori pri la fama grupo.




**La *flava submarŝipo* super la enirejo**



**En 2008 inaŭgurita *Beatles-Placo***

Sur 1300 m² oni nun povas rigardi unikajn eksponaĵojn, aŭskulti legadojn aŭ koncertojn

# Von Japan lernen?



dum la prelego pri Japanio



nekonataj aŭskultantoj



En gastejo: d-ro Lins kun Gerald Roemer

La germanlingvan prelegon „Von Japan lernen?“ de *d-ro Ulrich Lins* vizitis tridek-kvin aŭskultantoj, el kiuj multaj tute ne estis konataj al ni.
*D-ro Lins* lerte prezentis tiun temon kaj sperte povis raporti pri tiu lando kie li mem vivis dum kelkaj jaroj.
Poste kelkaj klubanoj invitis lin al gastejo.
Ulrich Lins dufoje prelegis en Hamburga Esperanto-Societo:
Ĵaŭdon, la 18an de Junio kaj Vendredon, la 19an. La temo de la dua prelego estis la vivo de Zamenhof kaj la historio de Esperanto, pri kio li parolis en Esperanto.

# NIA PROGRAMO

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Septembro

**2** Merkredo, 18.30 h
Estrarkunsido (publika)

**3** *Volker Kraeft:* **Kiel uzi poŝtelefonon?**
Ĉu ĝi havas sekretajn funkciojn?
Ĉu ĝi nur uzeblas por telefoni?

**10** **Esperanto – pasporto al la tuta mondo**
Sesa leciono de la interesa lernkurso.
+ Prep. Festivalo de kulturoj. Lastaj informoj.

**11-13** **Festivalo de la kulturoj:**
Bonvolu anonci vian partoprenon

**16** **(Merkredo) Schnupperkurs 19:30h**

**17** **Akuzativo**
laŭ „ABC-mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko“.
Gvidas vin tra la ekzercoj *Benno Klehr*.

24 **Bonvenon al Bjalistoko**
Filmo de *Roman Dobrzyński* (49 min)
Ĉu Bjalistoko ŝanĝiĝis de la okdekaj jaroj ĝis hodiaŭ? Partoprenintoj de la ĉijara UK povas kompari.

**30** Merkredo, 18.30 h
Estrarkunsido (publika)

## Oktobro

**1** **Tago de rikolto –** Ni kune legas tekstojn kaj kantojn el biblio kaj *Adoru*.

**8** *Jutta Sültz:* **La 76a Itala Kongreso de Esperanto** en la urbo Kasino

**15** *Pia Haasis*: **Ĉu *JES* aŭ *NE*?** Enigmoj.
Pia rakontas hitoriojn kiuj enhavas sekretojn. Vi solvos la enigmojn demandante.

**22** **Babel'** Filmo utopia (39 min)
en Esperanto kun franclingvaj subtitoloj

**28** Merkredo, 18.30 h
Estrarkunsido (publika)

**29** *Rudi Haberland*: **Bildoj de Rembrandt**

## Novembro

**5** *Benno Klehr:* **Terura enigmo**

**25** Merkredo, 18.30 h
Estrarkunsido (publika)

## Decembro

19 Sabato, 18.00 h
**Zamenhoffesto**
kun festa manĝo kaj prezentadoj
Bonvolu anonciĝi ĉe Ralph Glomp:
Glomp@esperanto-hamburg.de
aŭ 040 / 6891 3663.